13-a jaro (Numero 2) 1934
Tutjara abono: 2.50 nederlandaj guldenoj (inkluzive aneco de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj)

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktoro: E. J. BOLTJES. Engelsche laan 30. Winschoten ((Nederlando)
Administranto: P. KORTE. Schoolstraat 13. Veendam (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME. 21. Glenalmond Rd Sheffield (Anglujo)
Sekretario de TAGE: W. H. MOOK. Nassauplein 15a. Groningen (Nederlando)
2-a Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda (Gr). (Nederlando)

TRE GRAVA, ĜOJIGA SCIIGO:

La Sveda Federacio de Esperantistaj Instruistoj akceptis nian proponon kaj federacie aliĝis al T. A. G. E.

Kiu lando sekvos? Petu la kondiĉojn de nia administranto.

LA LABORKOMITATO

## Respondo al ‚informoj' de k-o Boubou

Fondiĝis nova unuiĝo de esperantistaj geinstruistoj, nome Internacia Federacio de Esperantistaj Progresemaj Edukistoj (IFEPE) sub gvidado de k-o M. Boubou, Orléans. En la unuaj numeroj de la federacia organo »La Torĉo de l' edukistoj«, Boubou informas sian legantaron pri siaj tendencoj kaj la nepra neceso pri Fondo de komunista instruista organizo. Tion, kompreneble, li plene rajtas, sed li pledas por tiu »neceseco«, malŝatigante TAGE kaj IPR. Liaj »informoj« pri nia asocio estas tiel malveraj, ke ni certe volas ĝustigi tiujn parolojn, esperante ke k-o Boubou estonte serĉos aliajn rimedojn por sia propagando.

Karaj TAGE-anoj, jen la faktoj:

Nia administranto sendis antaŭ kelkaj monatoj al ĉiuj iamaj abonantoj de IPR, cirkuleron, per kiu li petas daŭran subtenon de la laboro por TAGE, kaj Boubou furiozas ke tiu cirkulero diras »neniun malaproban vorton pri l' abomena konduto de la Saksa Ligo«, kiu faŝistiĝis. Pro tio li nun opinias ke TAGE estas »ponardita de faŝismo«. Li daŭrigas ke la »holanda kolego (k-o Korte) surprenis la direkton de TAGE laŭ komisio de la Saksa Ligo de Geinstruistoj Esperantistaj«. Estu certaj, ke la intertraktoj parolas pri »peto« ne pri »komisio«. Komprenante, ke la libera, senĝena redaktado de la revuo povas esti minacata, k-o.

Korte klopodis trovi en Nederlando kelkajn kolegojn, kiuj povas garantii, ke IPR ne fariĝos ia sekta organo, sed restos la parolilo por ĉiuj bonvolaj geinstruistoj. Kompreneble, tiu transirepoko estas iom malfacila; ni devas fiksi nian vojon irendan, sed ni opinias ke ni ne tute fiaskis, kiel Boubou pretendas. La nuna krizo estis tre grava por TAGE, sed la paciento venkis ĝin, malfortiĝis, jes, sed fartas bone. Nur »pli fortigajn rimedojn« ĝi bezonas! Feliĉe, ne »ponardita de faŝismo«, sed ankaŭ ĝi scias eviti la minacantan pikilon de l' komunismo!

En »Sur Posteno«, la organo de la sovetiaj organizoj IPE kaj SEU Boubou skizas la historion de la movado de l' avangardaj esperantistaj edukistoj. Ŝatatajn informojn pri la iamaj provoj direkti tiun movadon. Nur kiam B. historiigas, pri IPR, ke ties »konfuza pacifismo kondukis senreziste al faŝismo«, ni iom amuziĝis! Ne al faŝismo, ne al komunismo! En nia organo povas paroli ĉiu ajn partiano, ne propagande, sed raporte, do tiel, ke liaj paroloj ne ofendos aliopiniantojn, kaj ni kredas, ke tia direktado estas nuntempe la plej bona. Tute bone ni komprenas ke nia laboro estas prepara, kaj ke post pluraj jaroj, kiam multaj gekolegoj ne nur studas nian lingvon por amuziĝi, sed aliĝos al iu profesia organizo ke tiam estos neeble kapti ĉiujn diversajn en unu organizo. Tia opinio estas nur ĥimero; sed almenaŭ nuntempe, kiam la aro da anoj de TAGE kaj IFEPE kune eĉ ne atingas kontentigan nombron, ni opinias plej taŭge serĉi la mezan vojon, kiun ni ĉiuj povos iri. Kune ni penadu, ke la kolegaro interesiĝu pri Esperanto kaj ĝia aplikado en la lernejo. »Sur Posteno« varbas por la nova Boubou-organizo kaj konkludas ke »ĉiu nia sekciano (Sovetia Esperanto-Unuiĝo) devas esti membro de IFEPE. Nek unu minuton prokrastu!« Bone! tia alvoko estas klara, kaj ni almenaŭ scias kia estos la gvidprincipoj de la Boubou-organizo. Sed ni ŝatas, ke ankaŭ niaj tendencoj ne estu nebulaj. TAGE *ne* fiaskis, *ne* »ĉiuj kontraŭ-faŝismaj progresemaj instruistoj forlasis ĝin.« Jes, ni perdis multajn anojn, sed ĝuste... la germanojn, kontraŭ kiuj Boubou furiozas. La aliaj restis!! Kiel akordiĝas tio kun la Boubou-aj informoj?

TAGE serĉas la kampojn, kie kunlaboro estas ebla, kaj ne tion, kio nur disigos la anojn! Ni intencas konservi IPR, kia ĝi estis sub la modela gvidado de la germanaj kolegoj, en la tagoj, kiam ankaŭ Boubou varbis por ĝi, kaj skribis: »La gazeton mi ne nur abonus, sed rekomendus, se ĝi povus liveri multan materialon, ekz. esti iu ligilo inter Instituto J. J. Rousseau, — Ligo de Reformanoj, — Internacia Eduk-Oficejo — eĉ London' Internacio — kaj TAGE, ĉar el tio, ni proletariaj edukistoj, ni certe profitus«. Kaj ni zorgu, ke, laŭ iama konsilo de Boubou, »IPR rezervu larĝan lokon al pura pedagogio, kaj al dokumentoj, kiujn ĉiuj povu utiligi. Scienco kaj informeco estas la du solaj karakterizoj, kiuj povas unuigi per gazeto ekster kiu ajn organizo, la tutan esperantistan edukistaron«. (Letero de Boubou al Goldberg. 7—4—1929).

Per tiuj vortoj nia revuo estas karakterizita; ni forte substrekas tion kaj komentarias:

1. La nombro de nia anaro kaj intereso por pura scienca pedagogio estas tro malgranda nuntempe por eldoni nur sciencan gazeton. Aliaj rubrikoj pli literaturaj do zorgu pri ia ekvilibro kaj pri evito de spirita maldigesto ĉe multaj legantoj. Vi povas bedaŭri tion, aŭ ne, la faktoj ne estas aliaj.

2. Dokumentojn ni petas, kiuj *raportas* kaj *informas* pri ĉio scienda el instruista — kaj lerneja medioj. Ne artikolojn, kiuj *altrudas* sistemon aŭ ideojn, nek faŝisman, nek komunisman aŭ ia ajn — »isman« propagandon!

3. TAGE propagandu por Esperanto en instruistoj rondoj por nia lingvo.

4. Ĝi varbu energie inter ĉiaj Esp-gekolegoj, por formi konsiderindan nombron da instruistoj, kiuj batalas (kaj instruas) por ĝusta kompreno inter diverslandanoj, en kiu kompreno malestas ĉia malamo kontraŭ iu ajn popolo aŭ raso. Por popolinstruado, kiu ne fanfaronas pri militemo kaj flirtantaj batalstandardoj, indiferente kian blazonon aŭ devizon tiuj montras.

Certe, ni ne estas tiel naivaj, ke ni volas provi daŭre, »ĝis en eterno«, kunigi ĉiajn kolegojn. — La fruktoj, per si mem, falas de la arbo, kiam ili sufiĉe maturiĝas; sed antaŭtempa deŝirado pereigas ilin! Ni opinias ke nia esperantista instruisto-movado ankoraŭ ne atingis tiun maturiĝon, kaj tial ni daŭrigos kulturi nian kampon.

Esperu ni, ke multaj gekolegoj samopinias kun ni kaj alportos sian ŝatatan helpon.

---

# Pri la korpa eduko

## La tasko de la gimnastikpedagogo

de Prof. R. Casimir (Kazimir), Hago, Nederlando

Antaŭ la Centra Komitato por la korpa lernejeduko parolis hieraŭ vespere (14/3 34) Prof. R. Casimir en la aŭlo de la Nederlanda Liceo (mezgrada lernejo en Hago) pri la temo: »La korpa eduko kaj la formado de personeco.«

La parolinto ne volis doni toston pri la korpa eduko, tamen li volis limigi sin al la rilato de la korpa eduko pri la formado de la homa personeco. Estas ne nur naturdonita disponiteco, kiu difinas la homon, sed ankaŭ la influoj de la ĉirkaŭo (medio), kaj tiuj de la eduko (hejmo, lernejo, eklezio).

Ĉu estas ĝuste, demandis la parolinto, ke oni lokas la korpan edukon kontraŭ la spiritan edukon? Ne, ĉar la spirita uzas la korpan. La tuta konstruo de la korpo estas esprimo de la spirito. La korpa kaj la spirita do iras kune. Iu, kiu estas formanta personecon, do devas laŭ-

vice uzi la unuan kaj la alian. Por la formado de la spirito oni ankoraŭ malmulte antaŭenigis la korpan edukon. La korpa eduko havas kompensan efikon. Estas danĝero por la sano de la homa gento, se ĝi estas malfideligata al la grundo, sur kiu ĝi staras. Tial estas necese, ke estas kontraŭmaso ĉe la spirita kaj la korpa eduko. Metu la homon en movon, instigu lin al kontraŭstaro, tiam oni vidas ekaperi spiritan forton, tiam li akiras spiritan energion. En la lernejoj estas bone fari egalpezon inter la korpa kaj la spirita. Apud la kompensa influo la parolinto ankaŭ volis rigardi la didaktikan influon de la korpa eduko. La streĉita-kontrola elemento ĉe la gimnastikinstruo estas samtempe pli grava spirita eduko. En la individua vivo estas ankaŭ influo de ekstere al interne. Ni ankaŭ klopodu laŭ la vojo de la koncentrigita ekzerco influi la spiritan sintenadon. Ĉe la gimnastiko evidentiĝas forta komuna vivo. Ĝi instruas la enamasiĝon de la individuo, dum ĝi ankaŭ povas konduki al la venko de timo, al kuraĝiĝo.

La homo estas laŭfakte timema; parte laŭ hereditaj instinktaj sentoj (tuŝado de rano aŭ araneo), parte pro danĝeroj; ankaŭ estas morala timo. Sana kaj lerta korpo donas iun kuraĝon; ĝi kontribuas iom al la morala kuraĝo de la homo. Estas tamen principa malfacilaĵo. La korpa ekzerco estas laŭ ekzerco pure funkcia. La korpa forto ĉe ĉi tio ne estas aplikata al certa celo. Estas la tasko de la profesoro, instruisto, uzi ĉi tiujn ekzercojn kun funkcia valoro, kiel konstruŝtonoj por sia laboro pri la formado de personeco.

Por ke la gimnastikinstruo okupu bonan lokon en la tuta instruado oni devas doni al la gimnastikinstruisto indan lokon inter liaj kolegoj. El la Haga ĵurnalo Het Vaderland 15/3/34.

Esperantigis *F. Weeke.*

## EKSTERE AŬ INTERNE?

Malgranda knabo puŝas sian kapon kontraŭ la tablon. Estas forta kunpuŝiĝo kaj la kompatinda infano krias pro doloro. La patrino prenas sian ĝemantan knabeton en la brakojn, forkisas la larmojn, konsolas lin per dolĉaj vortetoj, ŝmiras iom da ungvento sur la ŝvelinta frunto kaj prenas el la ŝranko kelkajn frandaĵojn por doni al sia karulo, post tiu dolora kunpuŝiĝo, iom da bongusta distraĵo. Ĉio tio ĉi estas tute natura de la patrino, klarigebla kaj bona. Sed . . . nun ŝi iras kun sia knabo al la tablo, kaj diras »Maliceta tablo«! »Nur donu frapon al la tablo.« Kaj ĉi tio estas tute erara. Kvankam la tablo ne malvirtiĝos de tiu frapo, des pli multe ŝia propra infano, kiu nun jam frue estas erarkredigata, ke la kaŭzoj de liaj spertoj doloraj kuŝas ekstere de li, dum ili sidas en li mem. Erara opinio, kiu malvirtigas ofte homvivon, ĉar ĝi malebligas ĉiun moralan purigadon.

Esperantigis F. Weeke Meezenlaan 41. Den Haag.
(El la unua volumo de la Disaj Verkaĵoj de **Jan Ligthart,** konata Nederlanda pedagogo.)

# Iom pri la instruado en Grenlando

Grenlando estis vizitata la pasintan jaron de nederlanda ekspedicio (okaze de la Internacia Polus-jaro). La nederlandanoj laŭdas ĉion, kion la dana registaro faris kaj faras por la indiĝenoj, kiuj loĝas nur laŭlonge de la marbordo en tre malgrandaj kolonioj. Eble kelkaj legantoj pensas, ke la Grenlandanoj malmulte valoras, estas malinteligentaj, sed tiam ili tute eraras.

La Grenlandanoj adaptiĝis al la malfacilaj cirkonstancoj de sia izolita, vasta, glaciriĉa lando. Tre lertaj ili estas en boatkonstruado kaj en ĉasado kaj fiŝkaptado. Krome ili estas afablaj kaj tre helpemaj. Pro la malgrandeco de la vilaĝetoj (ofte nur kelkaj kabanoj) kaj la grandegaj distancoj (Gr. estas proksimume 4½ x tiel granda kiel Germanujo) ĉiu aparta familio devas esti kapabla konstrui siajn boatojn, ĉasmaterialon kaj kabanojn.

Antaŭ kelkaj jardekoj ili ne scipovis legi kaj skribi, sed ankaŭ tio ŝanĝiĝis. Mi resumos kion mi legis en Nieuwe Rotterdammer Courant (Nova Roterdama Ĵurnalo):

Pro la disa loĝado de la 16.000 homoj estis tre malfacile bone organizi la instruadon. Estas inter 170 kaj 180 instruistoj kaj tiu nombro ankoraŭ ne sufiĉas. La kompetenteco de ĉi-tiuj instruistoj multe varias. En kelkaj pli grandaj lokoj, kie oni donas malpli elementan instruon, kaj instruas la danan lingvon, la dana predikisto partoprenas. Lernejo kaj preĝejo kombiniĝis.

Generale la katehistoj, naskitaj Grenlandanoj formas la pli bonan

# *La tri rozoj*

I.

Iun belan matenon de majo tri rozburĝonoj vekiĝis en sia verda kaj kvazaŭ atlasa korseto.

Unu estis pale rozkolora; alia estis orkolora; la tria estis malhele ruĝa.

— Kiel agrable estas vivi! ili murmuris.

Apenaŭ tion ili estis dirintaj, kiam antaŭ ili aperis la Feino de l' rozoj. Kaj al ili, tiel ŝi parolis:

— Vivi ne sufiĉas. Celo estas necesa! Al vi mi donos la sorton de vi preferetan. Parolu!

Poste, sin turnante al la unua:

— Kion vi volas, vi rozkolora burĝono?

— Mi volas trankvilan ekziston, sensuferan kaj senturmentan. Mi volas vivi for de la homoj kaj fini mian vivon sur mia trunketo.

— Tiel estos! diris la feino. Kaj vi, flava burĝono?

— Mi volas koni la mondumon, respondis ĉi tiu flavbutono. Mi volas ke oni admiru min, kaj oni prikantu mian belecon.

— Tiel estos! duafoje parolis la feino. Kaj vi, ruĝa burĝono?

— Mi volas doni feliĉon, murmuris la tria.

— Tiel estos! lastfoje diris la feino.

Poste, ŝi buŝblovis sur la tri florburĝonojn kaj . . . malaperis.

parton de la instruistaro. Ili estas ankaŭ helppredikistoj. Sed tiujn oni, kompreneble, nur havis en pli grandaj lokoj. La alia parto de la »instruistoj« estas kvazaŭ improvizita. Kie loĝas nur kelkaj familioj, kie oni povas kunvenigi ne pli ol dekon aŭ eĉ malpli da homoj, tie oni sin helpu. Iu viro, kiu scipovas bone legi kaj skribi, surprenas por tre modesta pago la taskon instrui la infanojn.

Tiu pago jam estis grava plibonigo. Mono havas grandan valoron en Grenlando. Nun la »instruisto« pli alte taksas sian oficon ol antaŭe, kiam oni lin rekompencis ĉiujare per donaco da tabako. Tiutempe li ofte fuŝis sian oficon.

Tage li ĉasis, vespere li venis hejmen, laca kaj dorminklina, kaj ne plu estis kapabla instrui siajn lernantojn. Nur la frua mateno, antaŭ la ĉasado, taŭgis iomete. Tiam ofte lia edzino lin skuis por lin veki kaj anoncis al li la alvenon de la instruotaj infanoj.

Li ordonis al la infanoj reciti la lecionojn, sed ... ofte intertempe fermis la okulojn kaj ekronkis.

Ankaŭ nuntempe la improvizita instruisto, kiel ĉiu alia viro, ĉasadas: alie li kaj lia familio ne povus vivi. Sed oni iom pli postulas de li. Krome oni ofte helpas la gepatrojn por ke ili sendu siajn infanojn al pli grandaj kolonioj, kie troviĝas lernejo kaj katehisto. Por dek danaj kronoj monate oni ĉiam trovas familion pretan prizorgi infanon.

Eĉ sepjara lerndevo tiamaniere ne tiel klerigas la junajn Grenlandanojn, ke ili taksas sin mem tro alte daŭrigi la por ili necesan vivmanieron ... feliĉe!

Bazo de la instruado estas la popollernejo. En la kolonioj kun pro-

---

II.

Tiam la rozkolora burĝono sentis la varman sunan kareson enpenetri ĝis ĝia koro, malfermi ĝiajn folietojn, disvolvi ĝian koloron. Baldaŭ ĝi estis bela rozkolora rozo, kun koloro mirinde delikata. Papilio venis, ekstaris sur ĝi, sed tie ne restis, ĉar la floro skuetis sian trunketon por forpeli la insekton. Venteto ĝin karesis, kaj kunportis iom da ĝia bonodoro en sia bloveto. Sed neniu venis al ĝi. Ĝia ĉarmo estis perdita por ĉiuj.

Kiam venis la dua vespero de ĝia vivo, — mortanta kaj malgaja — senfoliiĝis la rozkolora rozo, kaj da ĝi nenio postrestis. Laŭfantazie, la vento disigis ĝiajn petalojn.

Tiel ĝi deziris, ĝia ekzistado ja fluis sensufere, sed ankaŭ senĝoje, ĉar oni ĝin ne »amis« kaj por neniu ĝi velkis.

III.

La dua burĝono fariĝis belega flava rozo je delikatega freŝeco, je dolĉega penetra bonodoro.

Fierega ĝi staris sur sia trunketo, atendante brilan sorton.

Apenaŭ duone disvolvita ĝi estis kiam beleta vigla servistino venis al ĝi, kaj delikate detranĉis ĝin de la trunketo.

— Jen, ŝi diris, kiu tre bele ornamos la sinjorinan Moŝtan korsaĵon.

Kaj la rozo estis portita al ĉarmega jam balvestita juna virino. La servistino kokete ĝin aranĝis sur la korsaĵo de sia mastrino ĉe la atlasa kaj fleksebla kolo kies belecon ĝi pli bone elmontris.

fesiaj instruistoj ĝi estas sepjara. Ĉe la okcidenta marbordo estas kvar lernejoj, kie la lernantoj povas daŭrigi sian studadon. Unu el ĉi tiuj kvar lernejoj estas por junaj fraŭlinoj. Nur ĉiun duan jaron oni akceptas lernantojn, la plej inteligentajn el tuta Grenlando. Post la fino de la dujara kurso ili povas fariĝi katehistoj en malgrandaj lokoj. Post tiu lernejo venas la tiel-nomita »Höjskole« (alt-lernejo). Ankaŭ ĉi tiu lernejo akceptas ĉiun duan jaron por dujara kurso. La nombro estas maksimume 25. Finfine el ĉi tiuj 25 estas elektitaj 15 por la seminario, kie estas edukitaj la plej bonaj katehistoj kaj instruistoj. La plej eminentaj fariĝis predikistoj.

Estas speciale lernantoj de ĉi-tiu seminario, kiuj kristanigis Angmagssalik kaj Thule. La seminario havas danajn profesorojn.

El ĉiu grupo de 15 abiturientoj du estas sendataj al Danujo, kie ili sekvas specialan dujaran kurson por fariĝi predikisto.

Sciinde estas, ke la dana registaro ne allasas privatajn negocistojn. Ĝi timas, ke ili trompus la indiĝenojn kaj vendus brandon. Ni laŭdu tion!

---

# Studo-konferenco pri la milito

La Internacia Ligo de Virinoj por Paco kaj Libereco, Nederlanda sekcio, kaj la ĝenerala Paciligo de Virinoj okazigos la 11-an 12-an kaj 13-an de Majo studokonferencon pri la kaŭzoj kaj karaktero de la milito, kaj la rimedoj malhelpi militon.

---

Kaj ĝi estis en la balo kun ŝi. Kaj ĉiu ĝin admiris.

— La bela floro! oni diris, Rigardu do! Ĝi aspektas kiel atlasaĵo.

— Oni povas pensi ke oni vidas porcelanaĵon, diris iu.

— Kvazaŭ pastelaĵo, diris alia.

La flava rozo malgajiĝis.

— Kaj mia bona odoro! ĝi sopire murmuris, ili do ne pensas pri ĝi!

Sed en la salono estis tiom kaj tiom da floroj ke la aero estis plenigita, saturita de florodoroj, parfumoj, kaj ke neniu pensis pri tiu kiu eliĝis el ĝi.

Kiam la juna sinjorino revenis el la balo, la servistino malligis la rozon de la mastrina korsaĵo kaj ĝin ĵetis en grandan pokalon kun fingroringoj braceletoj kaj ĉirkaŭkoloj. Tie ĝi velkis, kaj ĝiaj petaloj falis inter la juveloj.

Post kelkaj tagoj la servistino rimarkis la velkintan, senfoliiĝintan rozon en la pokalo. Do, ŝi prenis ĉi tiun pokalon, iris al la malfermita fenestro kaj »buŝblovis« forte sur la floron kies restaĵoj forflugetis mallongan momenton, poste disfalis ekstere sur la strattrotuaron. Kaj la flava rozo estis balaita en la stratdefluilon.

Ĝi ricevis la sorton de ĝi postulitan.

IV.

Koncerne la malhela burĝono, ĝi apenaŭ estis belega rozo simila je karnoroza veluro kiam ĝi estis detranĉita de bela blondulineto.

— Venu, ĉarma floro, la knabino diris, venu festi frateton mian. Li malsanas. Li estos feliĉa vin posedi.

Kaj la ruĝa rozo estis portata al okjara knabeto kuŝanta sur sia lito, pala

La provizora programo mencias koncerne la kaŭzojn:

*a)* Supervido de la nuntempa internacia situacio, pri kiu parolos Dr. van Blankenstein aŭ S-ro CH. G. J. van der Mandere

*b)* La milito, kiel psikologia problemo, parolonto: Dr. A. Groneveld.

*c)* La ekonomia problemo, parolonto: S-ro Dr. H. Giltay

*d)* La militaj industrioj kaj iliaj interesoj, parolonto: S-ro Camille Drevet, kiu estas sekretario de »Paco kaj Libereco« en Genève.

*e)* La ekonomia ekspansio, parolonto: Prof. Dr. Tinbergen de la Komerca universitato en Rotterdamo

*f)* La konkurso de la armado, parolonto: la anti-militaristo W. L. van Warmelo, eksoficiro.

Rilate al la karaktero de la milito staras sur la tagordo:

Moderna militekniko kaj protekto de la civila loĝantaro, pri kiu parolos Prof. Dr. Gertrud Woker kaj inĝeniero K. J. Hondius.

Ĉe la tria parto de la konferenco estas priparolotaj la problemoj:

*a)* Kiujn rimedojn havas la Ligo de la Popoloj por malhelpi la militon?

*b)* Internacia senarmigo (la konferenco en Genève) La tasko de la malgrandaj nacioj.

*c)* La scienco de la Paco. Ĉi tiu lasta punkto estas dividita en tri partojn 1. Eduko kaj Junulmovado. 2. Plifortigo de la pacvolo kaj la sento de prirespondeco ankaŭ de la gazetaro, parolonto: Rob Peereboom, direktoro-ĉefredaktoro de la Haarl. Dagblad. 3. Prilaboro de la publika opinio. Esperantigis. *F. Weeke*

---

kaj malgaja ... Estis en malriĉa ĉambreto kie radion neniam floroj kaj suno alportis.

— Jen, prenu, frateto, la knabineto diris. Hodiaŭ estas ja via naskiĝdatreveno. Vidu kian belan rozon mi alportas al vi.

Ĝojbrilis la brunaj okuloj de l' knabeto. Li prenis la rozon, kaj ĝin alproksimigis al siaj lipoj.

— Kiel bela ĝi estas, kaj kiel ĝi bonodoras, li diris.

Kaj la ruĝa rozo trovis lokon en vazo el vitro plena de akvo, sur tableto apud la malsana etulo kiu rave ĝin admiris. De tempo al tempo li premis la vazon, spiris la florodoron, kaj kisis la rozon.

— Mi »amas« vin, bela rozo, li diris. Kiel bona estas vi pro tio, ke vi venis bonodorigi mian ĉambron.

La akvon de l' vazo, zorge oni ŝanĝis ĉiumatene, kaj la rozo vivadis kvar tagojn. Kiam ĝi senfoliiĝis, la malsanuleto kiu jam estis preskaŭ resaniĝinta, kolektis pie la petalojn kaj post unu lasta kiso, ilin enfermis en ŝlosebîan kesteton de panjo donacita al li.

Kaj kiam li tute resaniĝis, ĉiam ĝoje, li remalfermis la kesteton, kaj revidis la velkintan floron. Ĝi memorigis al li ke oni lin amas, kaj ke tion plezurege li sentis en la tago kiam lia fratineto al li estis alportinta la floron.

Tiele, la ruĝa rozo estis ricevinta, ankaŭ ĝi, la sorton, kiun ĝi estis postulinta. Ĝi donis feliĉon, kaj pro tio ĝi restis vivanta en la memoro.

El franca:
**de Madeleine Vernet**
trad. F. **Vérot.**

## EL ESTONIO:

# Esperanton en popollernejojn!

— A. Seppel —

Laŭ gazetaro ŝajnas esti certa, ke en proksima estonteco oni forigos la devigan instruadon de fremdlingvo el niaj popollernejoj. Oni ekkomprenis, kiel danĝerajn rezultatojn povas doni troa influo de nacia fremdlingvo. Estas salutinde, ke oni ekkomprenis la faritajn erarpaŝojn, ĉar la ekkompreno donas eblecon pli bone solvi la problemon.

En niaj lernejoj estas permesate instrui Esperanton kiel libervolan lernobjekton laŭ decido de la klerigministerio jam de la jaro 1924-a. Tamen tiun eblecon ĝis nun oni uzis tre malmulte. Estas ja kompreneble — niaj lernejoj suferis pro troeco de fremdlingvoj. Antaŭ kelkaj jaroj eĉ en popollernejo oni instruis du fremdlingvojn. En tiaj cirkonstancoj simple mankis tempo, forto kaj energio por Esperanto. Sed se nun oni forigos nacian fremdlingvon el la popollernejoj, ni devas ege klopodi pri enkonduko de libervola instruado de Esperanto.

Niaj gepatroj ĉiam vidis en la popollernejoj la instruadon de fremdlingvoj kaj ili alkutimiĝis al ĝi. Ili konscias, kiel necesa al ni, anoj de malgranda nacio, estas la lernado de fremdlingvoj. Pro tio — se oni sufiĉe klarigus la gravecon de Esperanto — ĝi kiel libervola lernobjekto trovus sufiĉe da adeptoj en la lastaj klasoj de la popollernejoj.

Sed kiom oni scias en la vasta publiko pri Esperanto? Malmulte. Tre malmulte. Kaj kulpaj estas ni, esperantistoj, ĉar ni malmulte propagandis nian lingvon, malmulte klarigis ĝian esencon. Vidu, kiel malofte vi trovas en la estonlingva gazetaro la vorton Esperanto, kiel maloftaj estas sciigoj pri ĝi kaj klarigaj aŭ propagandaj artikoloj preskaŭ tute mankas. Ĉu ni aŭdas aŭ legas ofte pri propagandaj kunvenoj? Sed tamen — ni estas fieraj: ni ja donis al eksterlando tiom da bonaj Esperanto-instruantoj! Kaj nun ni opinias, ke la afero hejme ankaŭ estas en bona ordo. Karaj gesamideanoj, ne koleriĝu — la situacio similas al la prudenteco de struto: ŝovu la kapon en sablon, oni vin ne vidos!

Oni diras: la estonteco apartenas al la gejunularo. Prave. Ni diras: la estonteco apartenas al la geesperantistaro. Ankaŭ prave. Sed ni kunligu ilin — tiom pli firma estos ilia estonteco. En la komenco de la nova jaro ni komencu senĉesan poresperantan propagandon buŝe, en gazetoj, en kunvenoj. Ni uzu nian tutan influon kaj scipovon por la bonfarto de Esperanto. Propagandu kaj agu ĉiam, ĉie kaj ĉiel por ĝi. Kaj unuavice klopodu celi, ke Esperanto jam de la nova lernojaro kiel libervola lernobjekto en niaj popollernejoj trovu vastan aplikadon. Nur tiam ni povas esperi, ke ĝi progresos en geometria progresio. Agu, gesamideanoj!

# Evito de herede malsana posteularo

de Dr. oec. publ., Dr. jur. Fr. Francke, advokato, München

Unu aŭ du infanoj rezultas ĝenerale el sana familio; sed spirite malvastaj, herede malsanaj homoj pro foresto de internaj konstraŭstaroj estas regataj de eksternormala inklino al generado, ili senbride plimultiĝas. — Sammezure pliiĝas la kostoj por ilia vivsubteno ŝarĝante la sanulojn kaj pro tio malutiligante *ilian* plimultiĝon. La subtenado kaj sekurigo de spiritmalsanuloj, spiritmalfortuloj, kripluloj postulas ĉiujare egajn sumojn, elspezatajn tute sencele. La sana parto de popolo suferas pro ĉi tiuj tute senvaloraj popolanoj.

Ĉi tiuj pripensoj kondukis en Germanujo al publikigo de la leĝo por evito de herede malsana posteularo de la 14a de julio 1933, ekvalidiĝinta la 1an de januaro 1934, ĉar en Germanujo ekzistas proksimume 500.000 ĝis 600.000 spiritmalfortuloj, pr. 300.000 spiritmalsanuloj, pr. 100.000 epilepsiuloj.

Laŭ la fundamenta ideo de la leĝo la steriligo (ne kastrado) estas profilakta protektago de la ŝtato por la ĝenerala saneco. Ĝi ne estas senhonoriga, la proceduro tute ne estas kriminala. Kompreneble devigo estas ne malhavebla. Kaj por fari ĉi tiun devigon justa, devis esti enigataj en la leĝon sekurigiloj en formo de tribunalo por hereda saneco kaj de protestinstancoj. — La unuan fojon donas la leĝo al kuracisto povon decidi pri tio, ĉu individuan vivon oni konsideru plenvalora, ĉu ne. Ĉar du kuracistoj, kiuj sidos estonte sub gvido de juĝisto en tribunalo por hereda saneco, disponos pri la plimulto de la voĉoj, ili estos decidaj.

La stato de la medicina scienco postulas, ke oni limigus la nombron de la heradaj malsanoj. Kiel tiajn konsideras la leĝo: denaskiĝan idiotecon, skizofrenion, heredan koreon (Veitstanz), heredajn blindecon kaj surdecon; krome povas esti steriligataj ankaŭ kronikaj alkoholuloj. — Senescepte do temas pri malsanoj, kiuj klinike kaj patologie estas tiom esploritaj, ke definitiva juĝo pri la hereda transiĝo estas ebla.

La steriligo estas efektivigata tiel, ke oni ne forigas la testikojn aŭ la ovariojn, sed translokas la spermkanalojn resp. la ovokondukilojn, aŭ oni faras ilin netrapaseblaj, aŭ distranĉas ilin. Kompreneble la operacio povas esti farata ankaŭ kontraŭ la volo de la operaciendulo. — Ĝi estas ebla, kiam la decido ordonanta la steriligon fariĝis definitive jurvalida post finiĝo de la proceduro, antaŭgardanta misuzon, ĉar ĝi estas provizita per ĉiaj juraj garantioj.

Ke estos eble entute malaperigi la nomitajn malsanojn per tiaj operacioj, tion neniu opinias; sed iom post iom verŝajne rezultos ilia granda malplimultiĝo. Post longa vico da jaroj estos plej interese, se oni resumos efikojn de la leĝo konsiderante ne nur la heredsciencon, sed ankaŭ la ĝeneralan medicinon.

## ENKETO PRI UZADO DE ESPERANTO EN LIBERTEMPAJ TENDAROJ

En la nunjara kongreso de FIAI la delegitoj sin okupos pri du demandoj: 1. la formiĝo de la geinstruistoj; 2. la problemo de la libera tempo por la gejunuloj. La sekretariejo dissendis antaŭe demandaron por havigi al si de la diversaj naciaj asocioj raporton pri la situacio en ilia lando kaj pri iliaj ideoj rilate al tiuj aferoj. Por ni, Esperantistoj, unu el la demandoj estas grava, nome:

Ĉu vi opinias ebla la okazigon de internaciaj libertempaj tendaroj en ĉiu lando? Sub kies kontrolo? Kun kies kunlaboro? Ĉi vi preferas por tiuj tendaroj ESPERANTON aŭ la elementojn de la naciaj lingvoj?

Por informi la sekretariejon de FIAI pri la rezultatoj, jam akiritaj per Esperanto en internaciaj tendaroj (kaj infaninterŝanĝoj), la Laborkomito de TAGE petas al ĉiuj, kiuj havas spertojn pri ĉi tiu afero, sendu al ni raporton. Ni petas ne nur raporton en Esperanto, sed se eble vi samtempe raportu en unu el la de FIAI uzataj lingvoj (angle, france, germane, hispane). Tiam ni povos tuj sendi la alvenintajn raportojn al FIAI.

Ni petas respondojn je la subaj demandoj:

1. Kie kaj kiam okazis la tendaro (infaninterŝanĝo)?
2. Kiom da infanoj partoprenis? (Knaboj, knabinoj.)
3. Kiom da jaroj havis la gejunuloj?
4. Kian lernejon ili vizitis?
5. Kiom da tempo ili studis Esperanton kaj kie?
(En kurso, en lernejo kun deviga aŭ sendeviga instruado)
6. Kia estis la aranĝo de la tagordo en la tendaro?
7. Ĉu oni organizis prelegojn, ekskursojn? Kiajn?
8. Al kiuj nacioj apartenis la partoprenintoj?

Aldonu vian ĝeneralan impreson pri la sinteno de la infanoj. Ni petas baldaŭan respondon, ĉar ni devos sendi la raporton antaŭ la 15-a de aprilo.

Adreso de la sekretario: vidu sur la unua paĝo.

## SCIIGOJ DE LA LABORKOMITATO.

La plej grava okazaĵo por ni geinstruistoj ĉiuspecaj en ĉi tiu jaro estas la Viena Konferenco dum Pentekosto. La programo, enpresita en la antaŭa numero de IPR, sufiĉe klarigas ĝian gravecon por nia tuta movado kaj por la geinstruista movado speciale. Estas do nepre necese, ke la Konferenco sukcesu! Necese estos do, ke venu sufiĉe granda aro da esperantistoj! Ankaŭ la Stokholma Kongreso estas grava por la movado. Sed vi pripensu, ke en la Viena Konferenco ne nur kunvenos Esperantistoj, sed multaj gravaj personoj kaj asocioj ne esperantistaj. Al tiuj ni pruvu en ilia ĉeesto la eblecojn de Esperanto! Tiuj personoj nur aŭdas pri niaj internaciaj kongresoj pere de la gazetoj. Sed nun en Vieno ili venos mem. Ili spertos per propraj oreloj la grandajn faciligojn en la interkomprenado de diversnaciaj homoj. Tial la Viena Konferenco estos pli grava ol nia Universala Kongreso. Ni devas esti danka al UEA, kies direktoro por eksteraj aferoj post longdaŭraj klopodoj sukcesis okazigi ĉi tiun konferencon kun subteno de la aŭstria registaro. Sed nun, ni geinstruistoj havas la devon fari ĉion eblan por sukcesigi tiun grandiozan entreprenon. Kiu povos, tiu partopre-

nu en Vieno! Kiam vi loĝas en mezaŭ sudeŭropo, kaj nur kun granda peno povos veni al Stokholmo, tiam pripensu, ĉu vi ne pli facile povos iri al Vieno! Kiam vi dubas, ĉu iri al Stokholmo, ĉu al Vieno, ni konsilas al vi: iru al Vieno!

*

De 11—15 IX okazos la VIa Kongreso pri Morala Edukado en Krakovo (Polujo). La pritraktota temo por ĉi tiu tempo estas tre grava. La rolo, kiun povos ludi la junularo en la interkompreniĝado de la popoloj, certe estos plifaciligata kiam estos uzata Esperanto kiel interkomprenilo. Eble la iniciantoj de ĉi tiu kongreso estos konvinkataj en Vieno, en kiu konferenco ili certe estas invititaj. Ni povos helpi konvinki ilin sendante nian raporton pri la uzado de esperanto ĉe libertempaj tendaroj, infaninterŝanĝoj kaj korespondado. Ni do instigas niajn legantojn, kiuj havas proprajn spertojn pri tiaj interrilatoj inter gejunuloj aŭ infanoj, atentu nian enketon en ĉi tiu numero. Ni tial povos aŭdigi nian voĉon en ne-esperantistaj rondoj.

En Stokholmo ni kunvenigos nian membraron por diskuti la nunan organizformon kaj la eldonon de IPR. Krome ni aŭdos tie la prelegojn de du svedaj kolegoj: k-o Henry Ysner parolos pri la sveda slojdo (eble ni povos viziti ekspozicion de slojdlaboraĵoj?) kaj k-o Einar Dahl parolos pri tre grava problemo en diversaj esperantaj kluboj: Daŭrigaj kursoj en Esperanto. Ni esperas, ke multaj gekolegoj ĉeestos nian kunvenon. Ni bedaŭrinde ne povas komuniki kiam la kunveno okazos, ĉar LKK ŝajne ankoraŭ ne decidis pri tio.

*

Fine tre grava peto al gekolegoj vizitontaj la stokholman kongreson! Ni petas la gekolegojn, kiuj kapablas kaj emas prelegi pri ia scienca psikologia aŭ instrumetoda problemo sin anoncu ĉe la sekretario de TAGE! Ĉi tiu peto rilatas al ebleco, ke iu fama esperantista kolego povos prelegi (kun traduko nacilingve) en granda diversnacia geinstruista kunveno. Ni esperas, ke iu el niaj eminentuloj estos preta fari tiun gravan helpon al la esperanta movado.

(MK)

## VI-a KONGRESO POR MORALA EDUKADO

okazos en Krakovo (11—15 Septembro 1934).

La ĉeftemo pritraktota estas: La moralaj fortoj komunaj en ĉiu homa estaĵo, iliaj originoj kaj ilia malvolviĝo per la edukado.

La invitilo enhavas i. a.: Nuntempe, kiam la humaneco ŝajnas esti pli malpli senkondiĉe forpuŝata de malbonaj fortoj; kiam la fundamentaj principoj, sur kiuj nia civilizacio estas bazita, ŝajnas esti minacataj; kiam la reakcio kontraŭ malbonago) kaj perforto tago post tago plimalfortiĝas sekve de la ĉiam pli grandiĝantaj malfacilaĵoj en la vivbatalo, nun estas la devo de la pensantaj homoj gardantaj kaj de tiuj, energie laborantaj por pli bona estonteco kaj kredantaj en tia estonteco, paroli klarajn vortojn. La kongreso ne favoras la ideojn de iu asocio aŭ partio, sed oferas al ĉiuj, kiuj interesiĝas en morala edukado, kiu ajn estas ilia religia aŭ etika konvinko, nacio kaj vidpunkto, egalan oportunecon por komuniki siajn opiniojn kaj kompari tiujn kun aliaj. La kunvenoj estas nur konsultantaj kaj ne estas profesiaj. Ĉiaj geinstruistoj estos bonvenaj, sed ankaŭ la gepatroj kaj la ekonomistoj kaj politikistoj.

La kongreso sin direktas al ĉiuj religioj, al ĉiu popolo de kiu ajn lingvo kaj koloro.

La adreso de la organiza komitato

estas: Hozd 88, Muzeum Oswiaty Warszawa.

Kasistino estas: S-ino Z. Zukiewiczowa, Koszykowa 9, Warszawa.

Kongreskotizo estas 10 anglaj ŝilingoj. La kongrespaperoj estos presataj en franca, angla, germana kaj itala lingvoj.

II-a INTERNACIA KONFERENCO POR LA INSTRUADO DE HISTORIO. (Basel, 9—11 Junio 1934).

En la jaro 1932 okazis la I-a Konferenco por Histori-instruado en Hago (Nederlando), sub gvidado de Prof. Rafael Altamiro, membro de la Internacia Juĝejo. La raporton pri tiu konferenco vi povas trovi en IPR, 11, 109 (1932).

La II-a Konferenco pritraktos du demandojn:

1. Kiel devas esti laŭ via opinio la celo kaj la esenca karaktero de la instruado de historio en la pli altaj lernejoj?

2. Kiun lokon devas okupi la internacia historio en la instruado kaj en la eduka laboro? Ĉu nuntempe la lernantoj de ŝtataj lernejoj akiras precizan kaj sufiĉan konon pro la signifo de aliaj popoloj? Ĉu la instruado en la nuna maniero taŭgas por akceli la interkompreniĝadon de la popoloj?

Krome estos pritraktataj la eldonado de kvaronjara revuo kaj la starigo de internacia federacio de landaj asocioj por profesoroj de historio.

Oni petas por informi la fak- kaj taggazetaron de ĉiu lando pri la konferenco.

La adreso estas: Rittergasse 4, Basel (Svisujo).

Kongreskotizo (sv. fr. 10) devas esti pagata je poŝtĉekkonto: Basel V 122, 2. Intern. Konferenz für Geschichtsunterricht.

ESPERANTO-UNUIĜO DE SAKSAJ GEINSTRUISTOJ. La Esperanto-Unuiĝo de Saksaj Geinstruistoj estas novorganizita kaj depost la 1.10. 33 aliĝis al Germana Esperanto-Asocio. En la estraro oni vokis s-ron K. Kröber, la estintan prezidanton, s-ron K. Walther, Dresden N 23, Burgsdorff-Str. 30, kiel anstat. prez., s-ron Degen, Leipzig C 1, Augustenstrasse 15, kiel sciencan apudkonsilanton kaj la ĝisnunajn kasiston kaj sekretarion s-rojn Ritter kaj Fickler, Riesa. Devigita de la kontraŭ-germanaj atakoj la asocio dediĉis siajn fortojn tute al la klarigo pri la vera stato en Germanlando per dissendo de du Esperantlingvaj folietoj: »La Nova Germanlando«, Internacia Informilo pri la Nova Germanlando kaj »Mondo atentu! Parolas Adolf Hitler!« Tiu dissendo instigis viglan interkorespondadon kun ĝis nun 25 diversaj landoj, kiun bone helpas klarigi la veran situacion en Germanlando kaj amikiĝi en la senco de nia majstro. La tutmondaj gekolegoj estas petataj subteni nian laboron, ĉar per tio la oficiala akcepto de Esperanto kiel utila komprenigilo prosperos.

Karl Kröber, Schillerstr. 9, Riesa, Germ.

LA ĈEFURBESTRO DE BUDAPEST PRI ESPERANTO. D-ro Aladár Huszár, ĉefurbestro de la hungara ĉefurbo Budapest, jus faris la jenan deklaron pri Esperanto: »En la nuna tempo de alte evoluinta nacia konscio neniu nacia lingvo povas fariĝi ĝenerala mondlingvo. Dum la historia evoluo ĉiu lingvo akiris tiajn ecojn, kiuj kaŭzas al la fremda uzanto de la lingvo nevenkeblajn malfacilaĵojn. Pro tio la helpa lingvo estas necesa kaj altvalora.«

ANEKDOTO PRI JAN LIGTHART

Anekdoto pri Jan Ligthart, la konata, jam mortinta nederlanda pedagogo (multajn jarojn li estis lernejestro en Hago.)

La lernejon en la Tullingh-strato en Hago, kie Ligthart estis estro, vizitis infanoj ne sin distingante ĉiurilate per bonaj manieroj.

Iam okazis, ke unu el la knaboj, kiuj antaŭ kelka tempo forlasis la lernejon, dum siaj vagadoj ĉiam reiris al la lernejo, kie li, grimpante sur la fenestrosojloj ŝtelrigardis internen. Tio kompreneble amuzis la infanaron, sed incitadis la pedagogon

antaŭ la klaso. Ĉiu sciis, kiu estas la bubo, sed tuj kiam la kolerigita instruisto estis ironta eksteren, la kapo malaperis kaj la lignaj ŝuoj klaketis en la senbrua strato, sed revenis post kvaronhoro.

Tio ĉiam denove okazis, ĝis kiam fine Ligthart iun tagon »hazarde« renkontis la kulpulon. Mezkvalita pedagogo estus uzonta la kutimajn rimedojn: mallaŭdon, admonon, riproĉon aŭ estus regalonta lin per orelbato.

Ligthart ne tiamaniere agis. Kun plejeble afabla mieno li diris al la pekanto: »Aŭdu, Joĉjo, lastatempe stratbubaĉo ĉiam denove ĝenas min. Li vagadas ĉi tie kaj suprengrimpas antaŭ la fenestroj. Vi sufiĉe ofte vagadas en la ĉirkaŭaĵo. Se vi hazarde renkontus la bubaĉon, bone batu lin por mi. Nur ofte spionu — vi certe trovos lin. Kompreneble li estas malbone edukita bubo.«

Momenton la knabo miregis. Sed tuj poste li adoptiĝis al la cirkonstancoj. »Okazos laŭ via volo, via moŝto«, li respondis, kvazaŭ li estus kortega ceremoni-estro.

La lernejo en la Tullingh-strato neniam plu estis ĝenata de lia scivolemo.

## GAZETARA SERVO.

Mi aranĝis je sukcespromesaj aŭspicioj gazetaran servon, t. e. entrepreno, kiu volas prezenti al la gazetoj manuskriptojn ricevitajn per Esperanto, (sed ne propagandaj por Esperanto), kaj mi petas la samideanojn pri kunlaboro. Bonvolu sendi al mi el negermanaj landoj (Esperante aŭ germanlingve) memverkitajn laborojn, aŭ tradukaĵojn de malgrandaj gazetsciigoj kaj raportoj pri strangaj bonhumoraj kaj interesaj okazintaĵoj, artikolojn pri popolmoroj, pri mirindaj kutimoj, travivaĵoj ktp. Noveloj, skizoj aŭ alia spirita propraĵo povas esti uzataj nur post la permeso de la verkistoj. Ankaŭ interparolojn kun famaj personoj en politiko, arto kaj scienco mi povas uzi, same tradukaĵojn de artikoloj el fremdlandaj gazetoj pri la politiko en Germanujo kaj kiel oni prijuĝas la aferon en nia lando eksterlande. Por uzeblaj manuskriptoj mi pagas honorarion kaj vi povos samtempe gajni monon kaj helpi al granda grava entrepreno en la intereso de nia helplingvo. Do sendu multajn manuskriptojn al

F. W. Mischke, redaktoro,
Radeberg Sa., Germanujo.

MALGRANDA JAMBOREO EN SLOVAKUJO. Certe kun granda ĝojo sciiĝos niaj gefratoj kaj skoltamikoj, ke la XII-a Internacia Tendaro de la Skolta Esperantista Ligo okazos de la 16.—31. VII. ĉijara en la regiono de Tatry. La preparajn laborojn prizorgas la Esperanto-Fako de la Centro de Slovakaj Katolikaj Skoltoj (Bratislava, Kapitulská ul. 18), kiu jam ekfunkciis. Ĝi dissendis jam al konataj adresoj sian unuan cirkuleron. Interesuloj petu ĝin laŭ la supra adreso. — Jen bona okazo propagandi Esperanton inter la skoltaro. Karaj legantoj de I. P. R. helpu al ni ĉiuj! Monsubtenon por la preparaj elspezoj kun kora danko akceptos la Prepara Komitato.

## INTERNACIA KONKURSTEMO POR LA JUNULARO.

La Junulkomitato de la Ĝenerala konsilantaro por Kristana Vivo kaj Laboro, kaj la Tutmonda Ligo por internacia amikeco per kamaradeco konkurmetas internacian konkurson pri la temo: »Kristo kaj la ĝenerala frateco«, kun la celo disvastigi la pacspiriton inter la junularo. La plej bonaj solvoj estas premiotaj per pli ol 150 premioj kompleze disponigitaj de S-rino Van Loan de Babylon el Ameriko.

ESTAS PERMESATE SKRIBI LA SOLVOJN ESPERANTLINGVE. La regularo de la konkurso estas senpage havebla ĉe la sekretariejo de la Komitato: Poŝtfako 46, Eaux-Vives Genève (Svisujo).

## Abonprezo de I. P. R.

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de TAGE.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guld.

Por 2.50 ned. guldenoj estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 | ŝilingoj. |
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 33 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 75 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svedujo** | 6 | kron. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 90544. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

---

## AGENTOJ de TAGE

Vian kotizon akceptas. En landoj:

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE, Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstra:** (vakanta)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon. Harrow St., Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Sarafov. GOLEMO SELO. (regiono Kazanlik).

**Ĉeĥoslovaka:** A. Valoušek. BRNO-KRALOVO—POLE Tyrŝova 19. Poŝtkonto: Brno 102169.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** Peter Frey. Claŭsensvej 26. HADERSLEV.

**Estona:** R. Gutmann. Kaupmehet, 6—1. TALLINN.

**Finnlanda:** Elmi Tamminen. Sitavuorenranta 4. A. HELSINKI.

**Franca:** F. Verot. Rue des Villas. St.-ETIENNE. (Loire). Poŝtĉekkonto: 37421 Lyon.

**Germana:** K. Hofmann, RIESA, Felgenhauerstr. 63. Poŝtĉekkonto : 26379 Dresden.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd. Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Mester-u. 53. V. 7. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya

**Jugoslava:** Stanko Prvanoviĉ. HALOVO. p. Zajeĉar.

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. Iŝlaŭzas. paŝt. ag. PRIENU. VALS.

**Nederlanda :** M. van Mullem. 0.58. OPHEMERT. kasisto: E. A. Koot, UTRECHT W. v. Noortstr 10. Poŝtkonto nro 176356.

**Nederlanda Hindujo:** P. Mamecach, M a k a s s a r (Celebes) Lariangbangi str. 107.

**Norvega:** Nils Okland. Rommesveit. Stord.

**Pola:** B. Gluchowski. św. Wincentego 80. WARSZAWA 24. Poŝtkonto 16992.

**Sveda:** Torsten Torbjär. Mariagatan 15. a. GÖTEBORG. Poŝtkonto 43148.

**Svisa:** S-ino N. Oumansky. 12 rue Jean-Jacquet. GENÉVE.

**U. S. A. :** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. Californie.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Felelős kiadó: Bleier Vilmos. Készitette a Pestvidéki Nyomda Vácon. A nyomdáért Bénik Gy. felelős.